# INTERNACIA



# ĴURNALISTO

JARO XXII, n-ro 2
majo-aŭgusto 1983

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## LA PACAMO DE ZAMENHOF

Inter la mondfamaj personoj konataj per siaj demokrateco, humanismo kaj pacamo sendube viciĝas ankaŭ la aŭtoro de Esperanto. La biografoj emfazas lian bonkorecon, lian strebon al vojo pri paca kunlaborado de ĉiuj popoloj, de ĉiuj ŝtatoj.

Ekzistas mirinda kaj tre malofta fakto: la junulo Zamenhof, ege impresita de tragikaj interrilatoj de malamikeco en sia multnacia naskurbo Bjalistok, ne ĉesis revi dum sia tuta vivo pri interkompreniĝo de la nacioj. Notinda estas ankaŭ alia fakto: Zamenhof ne nur revis - li praktike okupiĝis pri la vojoj, kiuj povus helpi al la realigo de lia humana revo. Fakto de tiu serĉado de vojoj estas ankaŭ la kreita de li internacia lingvo Esperanto. Esperanto estas ne kreaĵo de kapabla filologo, sed konscia kreaĵo de persono interesata pri solvo de sociaj problemoj, kiaj sendube estas la problemoj pri interkompreniĝo de la homoj sendiference de religio, filozofio, nacia aparteneco ktp.

Zamenhof restis fanatike sindona al sia pacamo. Eĉ en la lasta jaro de sia vivo, en 1917, li turnis sin al la eŭropaj diplomatoj per publika letero por defendi justajn principojn, sur

(Sekvas sur p.2)

GRAVA SUKCESO DE TEĴA KAJ DE LA REDAKCIO DE NIA ORGANO

LA REDAKCIO INFORMAS KUN GOJO, KE LA KOMITATO PRI KULTURO DE P.R.BULGARIO APROBIS NIAN SKRIBPETON KAJ EKDE 1984 "INTERNACIA ĴURNALISTO" APERADOS JAM KVARFOJE JARE KUN APARTAJ KOVRILOJ. LA REKOMENDO DE LA JARKUNVENO DE TEĴA EN BUDAPEŜTO ENKADRE DE 68 UK DE ESPERANTO ESTAS EFEKTIVIGITA. NUN GRANDA REVO DE LA REDAKCIO, DE LA NOVA KOMPLETIGITA ESTRARO DE NIA ASOCIO, DE ĈIUJ NIAJ MEMBROJ KAJ LEGANTOJ ESTAS: KUNLABORI REGULE AL "J.Ĵ." PER ĴURNALISMAJ ARTIKOLOJ, ESEOJ, RAPORTAĴOJ, RAKONTOJ, POEZIAĴOJ, KARIKATUROJ, HUMORAĴOJ, FOTOJ, INFORMOJ K.A. LA REDAKCIO ATENDAS!

kiuj oni devas fari packontraktojn post la finiĝo de unua mondmilito (1914-1918). Tio estas vera pacdefenda heroismo - testamento por la monda esperantistaro.

Jam vivsperta, 50-jaraĝa reputacia gvidanto de la internacia Esperanto-movado, Zamenhof deklaris en Londono - la koro de la plej granda kolonia imperio Britio:

"Venos iam la tempo, kiam la homoj, anstataŭ konstante batali inter si elŝiri la patrujon unuj de aliaj, perforte altrudi al si reciproke siajn lingvojn kaj morojn, ili vivos inter si pace kaj frate en plena interkonsento. Venos tiu feliĉa tempo. Ĝi estos frukto (interalie) de konstanta kaj senlaca laboro de tiuj homoj, kies nomo estas ESPERANTISTOJ".

Kompreneble, oni povus citi ankoraŭ multe da pensoj kaj rekomendoj de Zamenhof en simila spirito. Sed eĉ nur tiu sola citaĵo estas absolute sufiĉa por pruvi KIE nia Majstro serĉis la lokon de la esperantistaro: nome inter la homoj, kiuj laboras por homa frateco, paca interkonsento kaj kunlaborado.

En la epoko de Zamenhof sufiĉe fortikiĝis tiel nomata "pacifismo" - formo de aktiva pacbatalo. Frunte de tiu movado staris personoj kiel Leo Tolstoj, Victor Hugo k.a., kiuj mondfamiĝis per sia kuraĝa kaj firma pozicio defende al la paco. Ankaŭ en nia epoko troviĝas ne malmulte da personoj, inter ili granda parto de la esperantistoj, kiuj simpatias al tiu pacmovado. Kaj se la pacifistoj unuiĝos kun ĉiuj ceteraj pacdefendantoj sendiference de religiaj, filozofiaj, politikaj kaj ideologiaj konceptoj, oni certe sukcesos krei unikan laŭ sia forto kaj unueco mondan movadon de pacbatalantoj, kapabla influi ĉiujn politikistojn.

Tiu estas la plej ĉefa dominanta tasko de niaj hodiaŭaj kaj morgaŭaj tagoj, historia tasko de nia epoko, minacata de nuklea milito. Nur laŭ tiu vojo oni povus realigi la tuthomaran revon pri mondo sen armiloj, mondo sen militoj, kio estis revo de Zamenhof. La esperantistoj tamen ne forgesu la testamenton de Zamenhof: "Tiu feliĉa tempo venos kiel frukto (interalie) de konstanta kaj senlaca laboro de tiuj homoj, kies nomo estas ESPERANTISTOJ".

Kiamaniere, en kiu direkto, kun kiuj aliaj pacfortoj la esperantistaro povus sukcese batali por la realigo de la pacamaj ideoj de Zamenhof en nia epoko - tion oni plej bone povus lerni el la baza dokumento de monda pacforumo "Por paco kaj vivo - kontraú nuklea milito!", okazinta en lasta junio en Prago.Ĝi prezentas bonegan platformon por efika garantio de monda paco.Pacamaj zamenhofanoj sendube subskribos tiun dokumenton ambaúmane kaj laboros por ĝia praktika efektivigo.

Nikola Aleksiev
- honora membro de MEM

## BONSUKCESA JARKUNVENO DE TEĴA EN BUDAPEŜTO

ELEKTITA ESTAS NOVA ESTRARO

GRAVAJ TASKOJ PLENUMENDAJ



Multsignifa estis la fakto, ke en la salono "Szathmart" de la Kongresejo, kie la 5-an de aŭgusto ĉi-jare Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio(TEĴA) okazigis sian raportelektan jarkunvenon estis eĉ ne unu libera loko kaj multaj el la pli ol 80 partoprenantoj staris por aŭskulti la raporton de la prezidanto de TEĴA s-ro Olav Thormodsen (Norvegio).

Ĉe la tablo de la prezidio de la kunveno estis ankaŭ la du vicprezidantoj de TEĴA Ivan Keremidĉiev-Esperov (Bulgario), Tadros Megali (Egiptio) kaj la prezidanto de ILEF Donĉo Hitrov (Bulgario).

Koncize kaj objektive s-ro Thormodsen priskribis la ĝisnunan aktivadon de TEĴA. Li menciis, ke ĝi ne estis je tiu nivelo, kiun postulas ĝiaj gravaj kaj respondecaj taskoj kaj substrekis la neceson de decida renoviĝo de la estraro kaj pliviigliĝo de ties agado.

- TEĴA devas estiĝi centro, kiu helpu al esperantaj kaj nacilingvaj amaskomunikiloj kaj periodaĵoj, disponi interesajn materialojn kaj informojn pri gravaj eventoj el la vivo de la ĵurnalistaj E-organizaĵoj kaj pri alispecaj okazaĵoj,kiuj rilatas la konservadon de la monda paco, la protektadon de la naturmedio, la sanprotektadon kaj speciale pure profesiajn ĵurnalistajn problemojn - diris s-ro Thormodsen. - Ni posedas ĉiujn eblojn fari tion kaj kunlabori pli intime kaj pli aktive ankaŭ kun Internacia Gazetara Servo de UEA.

Ivan Keremidĉiev-Esperov traleģis la projekto-proponojn de la Estraro por la estonta agado de TEĴA dum sekvanta dujara periodo, kiuj antaŭvidas multflankajn aranĝojn por plinombrigi la anaron kaj aktivigi ties agadon, plibonigi la eksteraĵon de la asocia organo "Internacia Ĵurnalisto", plioftigi ĝian eldonadon (kvarfoje jare), plifortigi la kunlaboradon kun la unuiĝinta kun TEĴA Internacia Ligo de Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF) kaj aliaj landaj ĵurnalistaj E-organizaĵoj.

La diskuton de la raporto kaj de la projekto-proponoj partoprenis vigle multaj el la ĉeestantaj TEĴA-anoj kaj ILEF-anoj el diversaj landoj.

S-ino Maire Millarney (Irlando) starigis la demandon pri la eblecoj ke TEĴA havigu al siaj membroj laŭbezone foto - kaj gazetar-materialojn kaj tiamaniere estiĝu iaspeca Gazetar-agentejo enkadre de UEA.S-ino Mullarney substrekis la neceson konstante kaj obstine trakti en esperantaj kaj nacilingvaj periodaĵoj la problemojn de la paco. La saman problemon tuŝis en sia eldiro ankaŭ s-ro R.E.Buttler, Ĝenerala Sekretario de Internacia Telekomunika Unio (ITU). Joĉo Ĝuriĉ (Jugoslavio) starigis la problemon pri membreco en TEĴA kaj pri traktado de humanaj demandoj sur la paĝoj de "I.Ĵ.", kiuj unuigu ĉiujn membrojn de la organizaĵo. S-ro José F.Arryo (Hispanio) proponis, ke ĉiu membro de TEĴA vigle laboru por defendo de la mondpaco,publikigu materialojn pri tiu temo ne nur en esperantaj,sed precipe en landaj periodaĵoj nacilingvaj, indikante, ke ili estas verkitaj de esperantaj ĵurnalistoj. La saman demandon faris ankaŭ s-ino Nelli Abaĝi-

eva (Bulgario)aldonante, ke nia asocia organo devas atingi pli kaj pli vastan legantaron kaj se materialoj represitaj el "Internacia Ĵurnalisto" aperas en nacilingvaj periodaĵoj oni nepre menciu tion. Valorajn rekomendojn pri la plibonigo de la eldonado de "Internacia Ĵurnalisto" faris ankaŭ Lajos Csonka (Hungario), Danuta Jakubiec (Pollando), Jan Nomaćka (ĈSSR), Krâstju Karucin, Petko Arnaudov, Minko Conkovski kaj Miĥail Ĉobanov, docento Kardaŝev (ĉiuj el Bulgario).

En sia eldiro Donĉo Hitrov, prezidanto de ILEF, tuŝis kelkajn gravajn problemojn pri la grandaj informaj eblecoj, kiujn povas utiligi TEĴA kaj ILEF, jam unuiĝintaj kaj kune agantaj;pri la ligoj kun Internacia Gazetara Servo ĉe UEA, kiu fakte ekzistas nur surpapere; pri la konkreta kunlaborado al "Internacia Ĵurnalisto" flanke de ĵurnalistoj el ĉiuj kontinentoj, por ke ĝia enhavo estu vere internacia. "Lige kun la celebrado de la 100-jariĝo de Esperanto - li diris, - niaj du organizaĵoj devas efektivigi diversajn interesajn iniciatojn kaj estiĝi gvidantaj faktoroj en la informado de la monda esperanta socio". En sia eldiro D.Ĥitrov tuŝis ankaŭ la problemon pri la jarkotizo por ambaŭ organizaĵoj, klarigante iujn detalojn pri la mekanismo de ties pago.

D-ro Mika Andrić (Jugoslavio) parolis pri la renovigo kaj la plijunigo de la organizaĵo per novaj, junaj ĵurnalismaj fortoj kaj substrekis la neceson akiri pli da monrimedoj, engaĝante grandajn produktad-formojn en diversaj landoj, kiuj eventuale ekinteresiĝus pri publikigo de materialoj pri ilia produktado.

Respondante la starigitajn demandojn kaj lige kun la faritaj eldiroj, Ivan Keremidĉiev-Esperov kredigis la ĉeestantojn, ke iliaj rekomendoj kaj iniciatoj trovos lokon en la laborplano de TEĴA estonte. Oni aprobis la projekto-programojn.

La estimata longjara prezidanto de TEĴA s-ro Olav Thormodsen proponis, ke oni elektu novan prezidanton kaj li restu nur estrarano. La propono estis akceptita. La partoprenantoj en la jarkunveno aprobis la proponon ke la Estraro de TEĴA estu naŭmembra. Post viglaj diskutoj estis elektita nova Estraro:

WALTER HABERL (Aŭstrio) -prezidanto de TEĴA;
IVAN KEREMIDĈIEV-ESPEROV - vicprezidanto kaj ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto";
NIKOLAJ DANOVSKIJ (USSR) kaj
TADROS MEGALI (FRG) - vicprezidantoj;
DONĈO ĤITROV (Bulgario) - ĝenerala sekretario kaj kunredaktoro de "Int.Ĵurnalisto";
OLAV THORMODSEN (Norvegio),
D-ro DINO FABRIS (Italio) kaj
DANUTA JAKUBIEC (Pollando) - estraranoj.

La novelektitan estraron atendas viglâ kaj rezultodona laboro por plenumi la gravajn taskojn, komisiitajn flanke de la ĉeestintaj TEĴA-anoj kaj ILEF-anoj.

Ek al fruktodona laboro!

D.SIMEONOV

## SUKCESPLENA JARKUNVENO DE ILEF

La 1-an de aŭgusto, je la 17.30 en salono "Baghy" okazigis sian regulan jarkunvenon ankaŭ la Internacia Ligo de Esperantistoj Foto-Kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF).

Laŭ la difinita tagordo la prezidanto de ILEF Donĉo Hitrov raportis pri ties agado dum la pasinta organiza periodo. Li substrekis, ke la organiza kaj la krea aktivado de la organizaĵo ĉiam pli kaj pli stabiliĝas - speciale post la elekto de la nuna estraro dum la jarkunveno en Antverpeno pasintjare. La fakto, ke en ĝi estas prezentitaj fakuloj en diversaj partoj de la mondo multe kontribuas al la sukcesa plimultigo de la anaro kaj al la aktivado en tri sekcioj de la Ligo - Foto-Kino-Magvetofono. Nun la Ligo nombras pli ol 200 membrojn el diversaj landoj.

Estis vigle pridiskutitaj la du gravaj projektoj de la Estraro - kreo de longmetra kolora dokumenta 16 mm filmo pri la centriĝo de Esperanto kaj organizado de Internacia Esperanta filmoteko ĉe la Internacia Muzeo de Esperanto en Vieno. La du projektoj, afable aprobitaj fare de la Estraro de UEA, postulas multan tempon, fortojn kaj sindonemon de ĉiuj membroj de ILEF, sed ili estas pretaj dediĉi sin al la efektivigo de tiuj noblaj taskoj. Ĉar la efektivigo de la projektoj estas ligita kun havigo de grandaj monrimedoj, ILEF-anoj akre starigis la demandon pri ties certigo kaj ili mem donis kelkajn favorajn kaj utilajn konsilojn por la solvo de tiu problemo.

La kunvenon ĉeestis ankaŭ la vicprezidanto de TEĴA Ivan Keremidĉiev-Esperov. Li parolis pri la rezultodona aktivado kaj kunlaborado inter ILEF kaj TEĴA, kiuj okazigis unuiĝon dum komuna kunsido en Antverpeno pasintjare. Tiu unuiĝo estas senprecedenca en la vivo de niaj internaciaj E-organizaĵoj kaj estas imitinda ekzemplo por ceteraj similaj organizaĵoj. Des pli, ke TEĴA disponigas gazetaran tribunon al ILEF sur la paĝoj de sia organo "Internacia Ĵurnalisto".

Dum la kongresaj tagoj ILEF aranĝis Internacian fotoekspozicion - konkurson en unu el la haloj de la Kongresejo je nomo "Folklora arto - ponto inter la popoloj". Estis disdonitaj premioj.

Je la sama temo estis organizitaj ankaŭ Kino- kaj Magnetofon konkursoj internaciaj. La unua premio por filmo estis aljuĝita al s-ro Kaoru Asaoka el Japanio por lia kolora dokumenta filmo "Vilaĝa festo" en la nomo de s-o Joze F.Alroyo el Madrida Esperanto-Liceo, Hispanio, estrarano de ILEF pri Kino kaj Foto por Okcidenta Eŭropo kaj por Norda kaj Suda Ameriko. La premion por kolekto de diapozitivoj estis aljuĝita al s-ro Petko Arnaudov (Bulgario).

- = o O O o = -

BELETRO KAJ POEZIO

## REVO DE NIGRA PATRINO

Marselino dos SANTOS, mozambika poeto

La nigra panjo
lulas la nigrahaútan filon
kaj en ŝia nigra kapo
sub la nigra hararo
sin kaŝas mirindaj revoj.
La nigra panjo
lulas la nigrahaútan filon
forgesante
ke maizo ne donis rikolton,
ke finiĝis hieraú nuksoj.
Ŝi revas pri la mondoj miraklaj
kie ŝia filo iros al lernejo
al lernejo kie lernas homoj.
La nigra panjo
lulas la nigrahaútan filon
forgesante,
ke ŝiaj fratoj konstruas urbojn kaj vilaĝojn
per propra sango ilin cementante.
Ŝi revas pri mondoj admirindaj,
kie ŝia filo kuros laú la vojo,
laú la vojo kie iradas homoj.
La nigra panjo
lulas la nigrahaútan filon
komprenante
voĉon el fora malproksimo
alportitan per fora vento.
Ŝi revas pri mondoj admirindaj
mondoj admirindaj
kie povos vivi la nigra filo.

Esperantigis Nadja ANDRIANOVA

60-jariĝo de la unua en la mondo kontraŭfaŝisma ribelo en Bulgario

# L A K R A N I O

Rakonto de IVAN KEREMIDCIEV - ESPEROV

- Vaĉjo, vi havas leteron - diris mia patrino, enirinte la ĉambron kaj donante al mi bluan koverton.

Mi rigardis ĝin. Krom la poŝtaj sigelaĵoj sur ĝi vidiĝis ankaŭ: Plevena distrikta malliberejo. Kontrolita. La adreso estis per grandaj, vertikalaj literoj. Konata skribmaniero. Mi kriis pro ĝojo:

Panjo, panjo! De Stojĉo. Svinjara...*

Mi disŝiris senpacience la koverton. Mia patrino sidiĝis ĉe la fenestro sur la lignoliton, enigis la trikilojn en la ŝtrumpon, kiun ŝi trikis kaj levis la okulvitrojn super sian sulkiĝintan frunton.

Mi malfermis la leteron. Multloke estis makuloj da blua krajono. Mi eklegis kun malkvieta voĉo:

"Kara Vanĉjo,

Jen nun mi skribas al vi. Pardonu, ke mi prokrastis mian respondon por esprimi mian dankemon pro via frata helpo. Mi ne estas kulpa. Mi ricevis ĉion senditan. Dankon, koran dankon ankaŭ al via panjo, onklino Penka. La lanaj strumpoj kaj la flanelo, kiujn ŝi trikis, preskaŭ savas min de la malseko. Vi scias ĉe kiaj malbonaj kondiĉoj ni estas metitaj. Nur unu leteron mi rajtas skribi en la monato. Kaj ofte - ankaŭ ĝi perdiĝas."

Guste mi intencis daŭrigi kaj mi vidis, ke mia patrino turnis sin al mi kaj ĝemspiris profunde:

- La malfeliĉa knabo!... - He-e, filo! Ja mi diris al vi!Ja mi diris al vi! Sed... vi ne volas obei mian konsilon. Vi apenaŭ saviĝis de la malliberejo. Kaj li montriĝis obstina kiel sia mortinta patro. Ja... la piro ne falas malproksime de la arbo. Legu plu.

La vortoj de mia patrino, esprimitaj per tia malĝoja voĉo,

ankoraŭ pli konfuzis min. Mi sentis ion pezi en mia gorĝo. Mi tusetis por reguligi mian voĉon kaj daŭrigis la legadon, rigardante mian patrinon. Ŝi delasis sin ĉiam pli kaj pli. Sur ŝia malgrasiĝinta vizaĝo kuris grandaj, kristalaj larmoj. Ŝi disviŝis ilin per la manplato sur la vizaĝo.

Ankaŭ miaj larmoj, pene detenitaj, nebuligis miajn okulojn. Apenaŭ mi trovis fortojn por fini la legadon de la letero.

"... transdonu al ĉiuj intimuloj kaj amikoj niajn flamajn salutojn. Kaj al vi firme mi prenas la manon.

Via malnova kamarado - Stojĉo.

"P.S. Saluton ankaŭ al onklino Penka. Diru al ŝi, ke ŝi ne ĉagrenu multe pro mi. Ankaŭ la granda poeto kaj revoluciulo Botev tiel skribis al sia patrino. Ofte mi rememoras pri ŝi, kiu diradis al mi: "Ho, freneza kapo! Ankaŭ vi fariĝis kiel via patro, Stojĉo-o. Ja la piro ne falas pli malproksime de la pirarbo." Vere! Vanĉjo, tiel okazis.

"Vanĉjo, ĉu vi rememoras kelkiam pri tiu timiga tago kaj pri la historio kun la kranio kaj Ŝvinjara"?

La sama.

Mi ĉesis legi. En la ĉambreto aŭdiĝis la obtuzaj singultoj de mia patrino, kiuj skuis ŝin, la tiktako de la vekhorloĝo kaj la pulsado de la koro en la tempio.

Ni ambaŭ silentis, ne rigardante nin.

- Jes... Ni ne ĉagrenu!... Per sanga laboro li vartis vin ... por ke vi putru en la malliberejoj... - ŝi ne detenis sin kaj ekploris laŭte.

Kvietiĝinte iom, mia patrino levis la kapon kaj demandis, ĵetinte rigardon sur la leteron:

- Nu, pri kia "historio kun kranio" skribas Stojĉo?

- Ĉu vi ne scias pri tiu ĉi okazintaĵo, panjo? Delonge estis ĝi. He-e-e!...

- Bone, Vanĉjo, rakontu ĝin al mi, filo.

- Bone. Tamen... nekonvene estas nun. Vi estas malkvietiĝinta...

Mia patrino leviĝis kaj artefarita rideto brilis sur ŝia vizaĝo. Ŝi donis al si trankvilan ŝajnon kaj diris al mi, metinte la okulvitrojn sur siajn ankoraŭ malsekajn okulojn:

- Nenio, nenio. Parolu! Mi trikos kaj aŭskultos. Mirige! Kial vi neparolis al mi pri tiu ĉi okazintaĵo.

Ŝi fleksis turkmaniere siajn gambojn kaj komencis triki sian forlasitan ŝtrumpon. Rigardante fikse ŝiajn tremantajn maldikajn fingrojn, kiuj lerte kaj sperte movis la trikilojn, mi penis rememori la pasintajn infanajn jarojn. Tiuj rozkoloraj, senzorgaj tagoj de ludoj kaj petoloj, kiuj estigas ĝojan senton, miksitan kun dolĉa turmento.

Infanoj estis ni tiam - petolemaj, malkvietaj. Tiam la familio de Stojĉo loĝis proksime al ni. Kaj ni kun Stojĉo estis nedisigeblaj amikoj. Ni tutan tagon trassaltis kaj surrampis la ŝtonajn krucojn en la malnova tombejo. Ni detruis la birdajn nestojn, iliajn ovojn trinkis, kaj kun la malgrandaj birdidoj, nefinkreskintaj ankoraŭ, ludis ĝis kiam ili mortis. Tutajn horojn ni banadis nin en la riveroj Lom kaj Danubo, ŝtelis fruktojn, sed nia plej ŝatata ludo tiutempe estis "svinkja"**. Pasiiĝinte pri tiu ĉi ludo, ni ludis, ĝis kiam ni rompis ies kruron, ies kapon aŭ ĝis kiam ni interbatalis per la bastonoj.

La patro de Stojĉo ofte riproĉis nin. Onklo Petro, bone konata en tiu ĉi regiono, estis granda, fortika viro. Kaptinte ĉe la orelo sian filon, duonkolere, kun patra riproĉo parolis al li, skuante sian grandan, malalte tondita kapon.

- He, freneza kapo! Ŝvinjar - ĉu vi komprenas? - porkisto fariĝos vi. Jen, mi diras al vi!..

Sur la supra makzelo de onklo Petro mankis du antaŭaj dentoj kaj parolante, la sono "s" aŭdiĝis kiel "ŝ".

Pli malfrue, dum unu terura septembra ribela nokto, li malaperis senpostsigne. Kaptita li estis kun pafilo en mano preter la kazernoj, peze vundita. Oni parolis, ke li estis mortigita kune kun multaj ribelintaj kamaradoj kaj enterigita en la sablo de rivero Lom.

Stojĉo obeis al sia patro kaj tre amis lin, sed sian ludon "svinkja"** li ne rezignis.

Iun tagon nia grupo da samklasanoj forkuris la lastajn du horojn el la lernejo kaj iris al la rivero por bani nin. Ni estis certaj, ke se oni malkovros nian forkuron, la sekvantan tagon ni ricevos porcion da manbatoj fare de la severa direktoro. Sed ni estis alkutimiĝintaj al ili kaj ne timis.

Antaŭ ol atingi la riveron, ni jam senvestiĝis kaj kun rivalkurado dur la herbejo venis al la bordo kaj nin ĵetis en la malvarmetan akvon, kune kun la timigitaj ranoj.

Longan tempon ni plaŭdis en la pliiĝinta rivero, ludis, dronis kiel sovaĝaj anasoj en la tegolkolora malklara akvo kaj grimpis kiel ranidoj sur la sabloza fundo. Iuj el ni kaptis fiŝetojn kaj kankrojn en la rifoj de la bordo. Krioj, bruoj, plaŭdo kaj akvaj gutoj flugis ĝis la ĉielo.

(S e k v a s)

---

La rakonto estas verkita en 1938, sub la faŝisma reĝimo.
* porkisto /alnomo/
** infana ludo per genua bestosto kaj bastonoj

---

Kiamaniere pagi membrokotizon kaj abonkotizon al TEĴA?

Kiel sciate, laŭstatute, la membrokotizo de TEĴA estas 3 us.dolaroj aŭ egalvaloro en nacia mono. Ĝi inkluzivas ankaŭ la bonkotizon pro la membroj de TEĴA. La apartaj abonantoj (ne membroj) pagas la saman kotizon. Oni pagu la kotizojn rekte al la eldonanto de "Int.Jurnalisto" - Bulgara Esperantista Asocio per ĝirkonto n-ro 185/1052 - DSKaso, Blagoevski rajon, 1000 Sofio, Bulgario. Oni povas pagi ankaŭ al la estraranoj kaj reprezentantoj de TEĴA, kie estas tiaj. Samtempe la pagintoj perletere avertu nepre la redakcion al kiu ili pagis la kotizon.

---



MONDA KOMUNIKA JARO KAJ MALŜLOSILOJ AL KOMUNIKADO

El la eldiro de s-ro P.E.Butler, ĝenerala sekretario de ITU, ĉe la inaŭguro de la 68-a Universala Kongreso de Esperanto en Budapeŝto.

Sinjoro prezidanto kaj gesinjoroj,

Estas plezuro por mi akcepti vian afablan inviton partopreni en la inaŭguro de la Universala Kongreso de Esperanto. Foje iu diris, ke komunikado estas la komenco de ĉia interkompreno. Tiu diraĵo povus esti devizo kaj por Universala Esperanto-Asocio (UEA) kaj por Internacia Telekomunika Unio (ITU).

Jam de sepdek kvin jaroj via Asocio senlace klopodas ampleksigi internacian komunikadon kaj interkomprenon, kaj interproksimigi la popolojn de la mondo per komuna lingvo.

Interkomunikado estas ŝlosila faktoro en la socia, ekonomia kaj kultura evoluo de la nacioj kaj porkompreno inter la popoloj. Kiel ofte lingvaj baroj kaŭzas miskomprenojn inter popoloj kaj nacioj - kaj tio okazas spite al senprecedenca teknologia evoluo kaj ties aplikado por tuja komunikado tra la mondo.

En tiu ĝenerala kunteksto, ambaŭ niajn organizaĵojn koncernas esencaj elementoj de la perilo pli ol la mesaĝo; vin, UEA, dum vi provas venki lingvajn barojn, por komuniki inter malsamaj nacioj kaj popoloj per la uzo de la universala lingvo, nin, ITU, per teknologiaj rimedoj, por transsalti la distancojn kaj nuligi vojaĝtempon. La mondo de la komunikado estas akre konscia, ke nuraj teknikaj rimedoj ne donas efikan komunikadon. Devas troviĝi almenaŭ du homoj por ekkomuniko, kaj ni ĉiuj scias, ke se tiuj du homoj ne komprenas la parolojn unu de la alia, ne realiĝas komunikado.

ITU estis nomita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj nacioj kiel gvida organizaĵo por la aktivado de Unuiĝintaj nacioj kaj ties Specialaj Organizaĵoj rilate al la Jaro. La ĝenerala sekretario de ITU estas kunordiganto de la Monda Komunika Jaro inter la UN-organizaĵaro. Unuiĝintaj Nacioj kaj la koncernaj specialaj organizaĵoj proksime kunlaboras kun ITU, por efektivigi vastan gamon da programoj, projektoj kaj agadoj por plenumi la celojn, deklaritajn de la Ĝenerala Asembleo de UN. Troviĝas apartaj roloj por Unesko kaj Universala Poŝta Unio kiel ankaŭ por koncernaj uzantoj kiel ekzemple: Monda Organizaĵo pri sano, Organizaĵo Internacia pri Civila Aviado, Monda Organizaĵo pri Meteorologio kaj Nutraĵa kaj Agrokultura Organizaĵo. Aldone multaj neregistaraj Organizaĵoj proponis sian subtenon. Ĉi-loke mi aparte ŝatus varme bonvenigi la ambician programon de via Asocio, kiu fondos fakterminaron por komunika teknologio. Mi certa estas, ke tiu entrepreno havos sekvojn, kiuj longe superos la skribadon en Esperanto kaj esperantigon de tekstoj pri komunikado.

Red.noto: S-ro Butler povus mencii ankaŭ la ĵurnalistajn organizaĵojn, inkluzive la Tutmondan Esperantistan Ĵurnalistan Asocion (TEĴA), kiu komprenas bone, ke sen la nuntempa teknika interkomunikado ilia tiel respondeca laboro estos neebla.

# N O V A M O N D A O R D O

## INFORMA / KOMUNIKA

La ĝenerala konferenco de Unesko en 1982 (4a eksterordinara sesio) pli detaligis la laborplanon de Unesko por la jaroj 1984-1989 rilate al la komunikado.

Laŭ tiu, "nova monda ordo de informado kaj komunikado" povus esti bazata sur artikolo de 19 de la Universala Deklaro Pri Homrajtoj * kaj la paragrafo 14 de la rezolucio supre menciita:

a) ĉi tiu nova monda ordo de informado kaj komunikado povus esti bazata, inter aliaj konsideroj, sur:

1) elimino de la malekvilibroj kaj malegaloj karakterizantaj la nunan situacion;

2) elimino de la negativaj efektoj de iuspecaj monopoloj,ĉu publikaj ĉu privataj, kaj de troaj koncentriĝoj;

3) favorigo de la interna kaj ekstera obstakloj la libera fluo kaj plivasta kaj plibone balanciĝanta dissemado de informado kaj ideoj;

4) plureco de fontoj kaj kanaloj de informado;

5) libereco de presado kaj informado;

6) libereco de ĵurnalistoj kaj ĉiuj profesiuloj en la komunikada medio, libereco nedisigebla de respondo;

7) la kapablo de evoluantaj landoj plibonigi sian situacion,.. per konfirmigo de informaj kaj komunikaj rimedoj al siaj bezonoj kaj aspiroj;

8) la sincera volo de evoluintaj landoj helpi ilin atingi tiujn celojn;

9) respekto al la kultura identeco de ĉiu popolo kaj al la rajto de ĉiu pri siaj interesoj, siaj aspiroj kaj siaj socia kaj kultura valoroj;

10) respekto al la rajto de ĉiuj popoloj partopreni en internaciaj interŝanĝoj de informado surbaze de egaleco, justeco kaj reciproka profito;

11) respekto al la rajto de la publiko, de etnaj kaj sociaj grupoj kaj de individuoj aliri al informaj fontoj kaj aktive partopreni en la komunikada procedo;

b) ĉi tiu nova monda ordo de informado kaj komunikado estu bazita sur la fundamentaj principoj de internacia juro, kiel difinita en la Unuiĝintaj Nacioj;

c) diversaj solvoj por problemoj de informado kaj komunikado estas bezonataj, ĉar socia, politika, kultura kaj ekonomia problemoj diferencas de lando al lando kaj, ene de lando, de grupo al grupo.

Cetere menciindas, ke la laborplano de Unesko pri komunikado klare akcentas la gravecon de la raporto de la Internacia Komisiono Por Studo Pri Komunikaj Problemoj de Unesko (popularnome, Raporto de Makbrajd).

* Artikolo 9. de la Ĉarto de UN: "ĉiu havas la rajton je libereco de opinio kaj esprimado; ĉi tiu rajto inkludas la liberecon havi opiniojn sen intervenoj de aliaj kaj la rajton peti, ricevi kaj havigi informojn kaj ideojn per iu ajn rimedo kaj senkonsidere pri la landolimoj.

EL UN kaj NI

AL MEMORO DE LA KOLEGO

(A.Logvin - 1903.XII.23 - 1980.VII.21)

Se ni trarigardas jarkolekton de "I J", ni kelkfoje renkontas sur ĝiaj paĝoj la nomon "A.Logvin". Kiam li estis junulo dudekjara, li alprenis al si pseúdonomon "A.Liljer", kaj sub tiu nomo li unue aperis sur la paĝoj de E-beletraj periodaĵoj ankoraú en tridekaj jaroj.

Nunjare li estus 80-jara kaj, sekve, tio jam estas la "ronda nombro".

Libroforme liaj verkoj ekvidis la mondon nur unufoje, en 1964 jaro, kiam aperis kolekto de liaj versaĵoj "Sur vivovojo", enhavanta en siaj 6 partoj (Momentoj-Scenoj-Omaĝoj-Mesaĝoj-Interpretoj) ĉ.60 versaĵojn. Kaj en ĝi la fama E-beletristo kaj redaktoro de la "Norda Prismo" - Ferenc Szilagyi jene skribis pri la poeto:

"Li apartenas al subjektivaj lirikistoj, naturtalentoj, kiuj vestadas konstante siajn sentojn, reflektojn en la formojn de la poezio. Efektive, nun antaú ni estus interesega vasta taglibro de vere koninda homo..."

Li naskiĝis en la ĉarma antikva urbeto de Ukrainio - Lubnio, situanta ĉe la mezo de la fervojlinio Kievo-Poltavo. La regiono estas en "koro de Ukrainio", kie pejzaĝoj estas edenaj pro luksaj kaj buntaj ĝardenoj, elegiaj riveroj kaj riveretoj de Dnepro-baseno, boskoj, arbaroj kverkaj, tiliaj, alnaj... floroj kaj najtingaloj...

Ĝis la lasta jaro li pasigis somerojn en Libnio, kiu inspiris al li unuajn ĝojojn de la vivo kaj malkovris trezorojn de familia hejmeco, same kiel inokulis laboremon kaj strebojn al altaj celoj. En 1923 jaro li sinforgese dum mallonga tempo elposedis Esperanton, kaj de tiu tempo en ĉiuj peripetioj de la vivovojo Esperanto-beletro estis lia revo kaj realo.

Lia patro estis fervojisto. Do, la filo Aleksandro ankaú komencis unuajn paŝojn de sia matura vivo ĉe la fervojlaboroj. Tamen la sorĉa fabele alloga Poezio-lando estis objekto de liaj ĉiamaj streboj ekde juneco. Kaj en sia konscia aĝo li eniris Literaturan Instituton je la nomo de A.Hercen en Moskvo. Li fariĝis tiamaniere erudita ĵurnalisto kaj poeto, kunlaboranta en gazetoj.

Mi konatiĝis kun A.Logvin dum la fama Leningrada VI SAT-kongreso, kiun partoprenis kiel ĝia honora prezidanto A.V.Lunaĉarskij, la tiama popola komisaro de Klerigo. Mi estis en la Odesa delegacio, li - en Moskva. Kiam li estis svelta rondvizaĝa junulo kun ĉiama bonhumora kaj bonvena rideto. Li prezidis la grupon de junuloj, same ĝojplenaj, energiaj kaj "ĉiopovaj", kiuj estis antaújare (dum la 2 SEU-kongreso, la 26-30.VII.1925) elektitaj kiel Junulara sekcio de CK de SEU.

En tiu epoko ni renkontiĝis sufiĉe ofte, jen en Odeso, jen en Moskvo, ĝis la nuboj kaj ŝtormoj, komenciĝintaj en la fino de tridekaj jaroj, kiuj skuis la mondon preskaú dum dek jaroj. Dum tiu tempo niaj ligoj ŝiriĝis. Mi estis en fronto kaj en multaj laboroj de sovetia popolo, kiu streĉis fortojn por kuraci ĉiujn

vundojn, kaŭzitajn de milito.

Sed en la fino de kvindekaj jaroj ni denove renkontiĝis.Kaj niaj ligon jam neniam ĉesis ĝis lia morto. Vere ni ĉefe interŝanĝis leterojn. Li estis okupita en siaj ĵurnalistaj laboroj kaj li jam estis forte malsana. Kaj eĉ en tiu malsana stato li multe kontribuis al E-presorganoj.

La verkitaj de li materialoj aperis en PACO, POR LA PACO, NUNTEMPA BULGARIO, BULGARA ESPERANTISTO, DER ESPERANTIST, LA SUDA STELO, KULTURAJ KAJEROJ, LA LERNANTO, NORDA PRISMO, HEROLDO DE ESPERANTO, IMPULSO, KOOPERATIVISMO, LITERATURA KAJERO (Brazilo), INTERNACIA ĴURNALISTO k.a.

Inter liaj publikitaj verkoj estis originalaĵoj kaj tradukoj el rusa kaj ukraina lingvoj. Multegaj aŭtoroj trovis sian respegulon en E-formo dank' al li (Puŝkin, Ŝevĉenko, Lermontov, Krilov, Blok, Gorkij, Ticina, Tjutĉev, Jesenin, Pasternak, Jevtuŝenko k.a.

En E-preso de multaj landoj A.Logvin estis peranto de klasika kaj moderna beletro soveta, rusa kaj ukraina. Kolekto kaj kunmeto de ĉio farita de li, ankoraŭ atendas sian skrupulan kaj diligentan plenumanton.

Niaj arkivoj entenas abundan korespondon, per kiu ni interkomunikiĝis dum multaj jaroj. Kaj mi havas ankaŭ la afliktan leteron, por kiu la koverto estas skribita per lia mano, sed interne jam estas nekrologo.

N. DANOVSKIJ

- . .-.-. -. -.-. -.-. -.-. -.-. -

NIA RECENZEJO

INSTRUISTOJ KAJ KAMARADOJ

Jen estas la titolo de la tre interesa libro (en bulgara lingvo), kies aŭtoro estas nia kunredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto" kaj honora prezidanto de MEM, ĵurnalista kaj esperantista veterano kaj sociaganto - Nikola Aleksiev. La libro, normalformata 136-paĝa enhavas arte kaj tutkore verkitajn skizojn kaj eseojn, dediĉitajn al bulgaraj sociaj kaj Eesperanto-agantoj - iuj pereintaj en la batalo kun la faŝismo aŭ poste mortintaj kaj ankoraŭ vivantaj, kunlaborantoj de la aŭtoro. Inter ili: N.Aleksiev kortuŝe verkis rememorojn pri la esperantistoj Nikola Botuŝev, Angel Petkov-Anĝelo, Zahari Georgiev - mortigitaj dum la faŝismo, Trifon Hristovski -E-kaj bulgara publicisto - mortinta pro turmentoj kaj suferoj. Estas skizoj kaj rememoroj ankaŭ pri nia ĉefredaktoro Iv.Keremidĉiev Esperov kaj pri la elstaraj sovetiaj esperantistoj S.N.Podkaminer, K. M.Gusev (ĵurnalisto). La libro de nia ŝatata kunredaktoro estas eldonita de "Profizdat" (Eldonejo de la profunuiĝoj) en Sofio, 1983.

I.Es.

-----------

# Ricevitaj esperantaĵoj

Septembro estiĝos majo - antologio de versaĵoj, rakontoj kaj fragmentoj el romanoj, dediĉitaj enhave al la okazinta en Bulgario unua perarmila kontraŭfaŝista popola ribelo, verkitaj de elstaraj bulgaraj poetoj kaj verkistoj post la ribelo. Ilin tradukis en Esperanton Hristo Gorov, Asen Grigorov, Sim.Simeonov, Canko Murgin, Ljuba Bojaĝieva, At.Lakov, S.Ĉirpanliev, V. Oljanov, S.Hesapĉiev k.a. En la antologio estas ankaŭ verkitaj originale en E versaĵoj pri la ribelo de Dimitâr Zlatarski, A. Grigorov kaj Hr.Gorov. Estas ankaŭ notoj pri la aŭtoroj. La eldono estas dediĉita al la 60a jubileo de la unua popola kontraŭfaŝista ribelo (1923-1983).

La antologio havas formaton 84/108/32, ĝi estas 200-paĝa kun kovrilpaĝoj. Eldonis ĝin "Sofia-Pres", Bulgario, 1983. Limigita eldonkvanto. Liveras Bulgara Esperantista Asocio.

Libera kordo - verskolekto, aŭtoro Hristo Gorov kun aŭtobiografio de la elstara bulgara esperantisto kaj E-poeto. Paĝoj 72, kun kovrilpaĝoj, eldono de Hungara E-Asocio, Budapeŝto, 1983.

Vilaĝo Dorovo - romano de bulgara verkisto Krum Velkov pri la unua kontraŭfaŝisma ribelo en Bulgario dum septembro 1923. Tradukis el bulgara As.Grigorov, paĝoj 132, eldono de Hungara Esperanto-Asocio, Budapeŝto, 1983.

75-jara jubileo de Bulgara Esperantista Asocio - broŝuro 10-paĝa kun informoj pri la bulgara E-movado.

Obstine antaŭen - de Anton Simunić - en serbo-kroata lingvo pri la E-movado en Oslek, Jugoslavio, 52 paĝoj.

Ferioj en Rumanio - grandformata, riĉe ilustrita revuo kun informoj pri nuntempa Rumanio, aparte artikoloj pri la E-movado en la lando. Tiun ĉi specialan n-ron 24-paĝan en E de la monata ilustrita revuo "Rumanio" eldonas la Turisma ministerio. Tiu fakto estas ĝojiga. Ni salutas la rumanajn esperantistojn okaze de la apero de "Ferioj en Rumanio".

Aperis Prospekto de kanadaj esperantistoj "Venu al Vankuvero, Kanado, por la 69-a UK de Esperanto", grandformata, ilustrita 4-paĝa kaj faldfolio pri la kongresaj ekskursoj dum la UKongreso en 1984. Aperis ankaŭ la unua bulteno de la UK de E en Vankuvero 21-28 julio 1984. La faldfolio estas bone ilustrita.

Tempere, Finnlando - faldfolia prospekto, bone ilustrita, kun mapo, pri la turisma urbo Tempere.

Moskvaj novaĵoj - ilustrita ĉiusemajna ĵurnalo eldonita ruslingve, angle, france, hispane kaj arabe - aperis kiel Es-

peranto-suplemento, n-ro 11-12, marto 1983 en 32 paĝoj, grandformate kun multaj ilustraĵoj. Frunte estas la mesaĝo de Supera Soveto de USSR kaj de CK de KPSU. La Alvoko estas unuanime aprobita de SS de USSR, de CK de KPSU kaj SS de RSFSR fine de p.j. Krome en la ĵurnalo estas ankaŭ la raporto de la Ĝenerala sekretario de KPSU Jurij Andropov "Sesdek jaroj de USSR". La ĵurnalo enhavas ankaŭ multajn materialojn pri USSR, pri apartaj ĝiaj respublikoj kaj aliajn informojn pri internaciaj kaj enlandaj eventoj kaj faktoj. La materialojn de la suplemento estas esperantigitaj de la Asocio de Sovetiaj Esperantistoj (ASE). Adreso: USSR, 103009 Moskvo, Prospekt Kalinina 14, ASE.

Okaze de la 68-a Universala Kongreso de Esperanto aperis: 68-a UK de E-to (la kongresa libro kaj du suplementoj). B) Pri Budapeŝto - tri libro-prospektoj, bone ilustritaj kun pluraj faktoj kaj informoj pri la ĉefurbo de Hungario (la tria hungare, iom pli malgrandaj) C)Hungario en E kaj bulgare, bone ilustritaj artikoloj, informoj ktp.

JARKOTIZO POR INTERNACIA LIGO DE FOTO-KINO-MAGNETOFON-AMATOROJ (ILEF)

Malnovaj kaj novaliĝintaj membroj al Internacia Ligo de Foto-kino-Magnetofon-Amatoroj (ILEF) pagas,laŭstatute, jarkotizon de 4 usonaj dolaroj (aŭ egalvalore en nacia valuto) rekte al Centra Oficejo - bul.Hristo Botev 97, 1303 Sofio, Bulgario, pere de bankĉeko al BULGARIAN FORING TRADE BANK, BG-1000-Sofio, Bulgario, Eŭropo, str. Sofijska komuna 2.

La pagita jarkotizo por ILEF aŭtomate estas valida por membriĝo al TEĴA kiel "B"-membro. Kiel sciate, depost 1982 TEĴA kaj ILEF efektivigis union por komuna agado.

La Estraro de ILEF

## Nia poŝto

- Nia reprezentanto en Tallinn - Jaan Ojalo (adreso: SR Estonio, SU - 200001 Tallinn-1, Narva mnt.9-5 informas la redakcion de "IĴ", ke en Tallinn aliĝis al TEĴA ankaŭ la profesia ĵurnalisto Anto Kaljusaar, redaktoro de la distrikta gazeto "Harju Elu". Ni dankas al kolego Ojalo.
- Oskar Stolberg-Leipzig, DDR. - Ĉar la menciita de Vi Berlina konferenco pasis delonge, estas malfrue jam informi pri ĝi detale.
- Stefan Maul,FRG. Ni ricevis Vian leteron, adresitan al O. Thormodsen, ĝisnuna longjara prezidanto de TEĴA. Bedaŭrinde,Vi ne sendas reciproke Vian "Monato-n" kaj ĝia enhavo ne estas konata al ni. Respondon de iuj Viaj demandoj Vi trovos sinsekve en sekvaj n-roj de "IĴ" sporade. Pri la kunveno de TEĴA en Antverpeno pasintjare estis gluitaj afiŝoj kaj kiuj interesiĝis vizitis ĝin. Ĝi ne estis kaŝita. Se ni ricevas esperantaĵojn

de aliaj landoj (okcidentaj ekz.) ni mencias en nia rubriko.
- Dino Fabris, Italio. - Ni transdonis Viajn salutojn al la partoprenintoj en la jarkunveno de TEĴA en Budapeŝto. Dankon. Pri la jarkunveno Vi legos en la nuna n-ro de "IĴ". Nia redakcio ricevis "Pinokjon". Dankon.
- J.Schulze-Leipzig, DDR. Ni enlistigis kiel A-membron ankaŭ Vian edzinon. Dankon. Vi ricevados "IĴ"-on, bonvolu pripensi pri ĝiaj rubrikoj. Anticipan dankon.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Walter Haberl, Redakcio "La Socialisto", Wien 15, fünfhausgasse 16, Aŭstrio.
Vicprezidantoj: Ivan Keremidĉiev Esperov, 1680 Sofio, kv.Borovo, bl.219 B, Bulgario. Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de "Internacia Ĵurnalisto";
Nikolaj Danovskij - Lat.SSR, USSR, 226014 Riga 14, ul.Ostrovskago 4-4;
Tadros Megalli, D-8387 Rossenbach, Untergrafendorf, FRGermanio.
Ĝenerala sekretario - Donĉo Hitrov, 1000 Sofio, ul.Han Asparuh 61, Bulgario. Li estas ankaŭ kunredaktoro de "Int.Ĵurnalisto".
Membroj de la estraro: Olav Thormodsen, Box 59, 595501 Haugesund, Norvegio; D-ro Dino Fabris, Borgo Bossano 5, Citadella (Padova) Italio; Danuta Jakubiec, Zelechowkiego 2/17, Pl-30-124 Kraków, Pollando.

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

KIU TEĴANO AKCEPTAS ESTI REPREZENTANTO DE TEĴA POR SIA LANDO AŬ REGIONO DE SIA LANDO BONVOLU TUJ INFORMI LA REDAKCION DE "I.J."

= = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = = =

Informo pri la reprezentantoj de TEĴA

Kie ne estas reprezentantoj de TEĴA, la estraranoj plenumas iliajn taskojn en la lando.
Aliaj reprezentantoj por USSR: por Estona SSR - Jaan Ojalo, SU 200001, Tallinn, Narva mat 9-5 kaj G.Silo, 34220 Söavjansk, Doneckoj, Pereulok Batjuka, USSR.

---

Ĉefredaktoro: Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofio, kv.Borovo bloko 219 III, Bulgario, tel.56-58-77. Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Donĉo Hitrov. Teknika aranĝo: Georgi Dolapĉiev.